# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 23/11/2017 Tricent- kvardeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio* Google Translate* Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,110,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **249,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,360,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 3 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




"La Verbo estas vorto esprimanta agon aŭ staton atribuitan al la Subjekto". Mi preferas diri pli simple '..... esprimanta agon atribuitan al la Subjekto', **unue** ĉar normale 'stato' esprimiĝas per Substantivo, ekz. 'la ripoz(ad)o', kaj **due** ĉar ĉe pluraj t.n. agverboj la Subjekto ne agas mem (ricevi, batati, malsekiĝi), kaj **trie** ĉar por 'esti' en iu stato la afero pludaŭras pro la agado de la fizikaj fortoj kiuj konsistigas ĝin kaj kiuj tenas ĝin tia kia ĝi estas.



"La formoj de la Verbo dependas de la signifoj de tempo kaj modo de la Verbo, ne de la vortoj ĉirkaŭ ĝi" Tiun frazon mi juĝas ĝusta por Esperanto, sed ne por etnaj lingvoj.

"Ekzistas en Esperanto naŭ tempoj en la Verbo". Bonestu serĉi, ĉu vi samopinias pri ĉi tiu aserto. Proksimsemajne mi mencios kaj klarigos opinion mian pri tio.

*Marcel Leereveld.*



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Pri Malproksime pilotata mortiga flugilo (Droneo) AE347 AE348



Trevor skribas: "Vi pravas, estas absolute malnoble, ke homoj sidas ĉe tabloj en N?????? kaj mortigas homojn en A??????? kaj aliloke per premo de butono ..."
Certe Trevor ne estas la sola, kiu havas tiun starpunkton.
Sed kio estas la vere nova afero ĉe la uzo de militdroneoj? Mi ne vidas tion. Ekde kiam homoj militas, ili celas mortigi la kontraŭulon laŭeble sen mem esti atakeblaj. Ĵetado de ŝtonoj kaj lancoj, uzo de ŝtonkatapultoj, , pafado per arkoj aŭ arbalestoj kaj multaj inventoj poste ĉiuj jam estis paŝo al tiu celo. Ĉu ĵeto de nuklea bombo estas pli nobla ol la uzo de militdroneoj? La militdroneoj nur estas rezulto de la plej moderna teknika evoluo.




Ĉu iam ekzistis nobla militado? Mi vere dubas. Ĉu ni ne tute ĝenerale interkonsentu, ke ĉiu militado aŭ preparo al milito estas bankroto, ĉar ĉiuj homoj havas la rajton vivi?
Amike,
*Peter Weide*
P.S. Pri la nova vorto: Ĉu nur tiuj flugaparatoj, kiu estas konstruitaj por mortigi, havu la nomon "droneo"? Kiel ni nomu tiujn senpilotajn flugaparatojn, kiuj nur fotas aŭ mezuras ion en la ĉirkaŭaĵo ekzemple? *Peter Weide*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Forta cerbo aŭ forta korpo?



Mi neniam povas kompreni kial malkonsento/disputo povus esti solvota per korpa batalo.
Ĉu la disputo ne malaperas? Venkas tiuj, kiuj estas plej fortaj kaj ne tiuj, kiuj estas plej saĝaj?
*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 18an de Novembro ĉeestis 7 anojn: Lochlann Niddrie, Roger Springer, Michael Peters, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kaj Ian Wylles.
Kiel kutime ĝi estis bona kunveno.



*Roger Springer*

★★★★

Min interesas la renkontiĝo ĉe la manlia kafejo pro la fakto ke ĉiuj volis instrui la bonan komencanton Lachlann iom da Esperanto---- gramatiko, literaturo, historio, kongresoj, retradio ktp---. Kune ni havas grandan provizon de scio kiun ni disdonas.

Li bone eklernis el "duolingo" kaj kiam ni serĉis respondojn en folia vortaro, Lachlan rapide venkis per la reta metodo. Daŭrigu la bonan lernadon kaj etoson.



Roĝero preparas sian trajnvojaĝon al Melburno partopreni Mirindegan Okazon.

Ni sendas tre, tre multajn bondezirojn al Marcel por lia speciala datreveno.

*Chris Holliss*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE.* *Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanta familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu nur farso aŭ ĉu vi havas pli bonan vorton por tio?





Mi ankoraŭ pensas pri la problemo "geedziĝo". En la angla oni diras "*marriage*", en la dana "*bryllup*", en la franca "*mariage*", en la germana "*Heirat*", en la sveda "*giftermål*" kaj en la rusa "*ьрак*".

Ŝajnas ke eĉ tre baldaŭ ne nur la aŭstralia popolo, sed eĉ ĝia registaro, decidos leĝigi "geedziĝon" de du samseksaj personoj. Tio certe ne ĝenas min, mia problemo estas, kio estas "geedziĝo" inter du samseksaj homoj?



Laŭ mia opinio kaj tio, kion mi ĝis nun lernis, du samseksemuloj neniam povas esti "ge". "Ge" signifas du- aŭ pluraj - personoj, ĉiu estu la mala sekso de la alia. Mi povas nur kompreni, ke du samseksaj viroj edziĝante tuj fariĝas "edzoj", sed multaj viroj en la tuta mondo estas ja edzoj, kvankam ili havas edzinon. Necesas do trovi alian pli precizan vorton. Kion vi pensas pri "duedzoj"? Du samseksaj viroj "duedziĝas", ĉar ili ja ambaŭ fariĝas edzoj. Kaj same du virinoj fariĝas "duedzinoj", ili do "duedziĝas", ĉu ne?



Kion pensas niaj multaj geamikoj en Esperantujo pri tio ??? *Bob Felby*

★★★★

Mi opinias eble paredziĝ(in)oj, paredz(in)oj ne estos konfuzaj. Kion vi opinias? *Roger Springer*

(***Laŭ PIV***; *parul(in)o*. Homo, kiu faras paron kun alia: *Ŝillero estas vere la parulo de Goeto en la poetiko*; *ŝi estis mia parulino en tiu balo*.)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**BRIZBANA ESPERANTO SOCIETO**

kunvenas la kvaran sabaton monate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Membroj de la Brizbana Esperanto Societo sendas al kara Marcel plej korajn bondezirojn por lia naskiĝtago kaj koran dankon pro via farita laboro en la Esperanta kaŭzo



Cent Jara





*Tomo O'Grady, Petro Danzer, Doug Eising, Erhard & Ness Claus, Linda Danzer.*

Lastan jaûdon kelkaj BES membroj vizitis Tomo O'Grady če maljunulejo en Sud-Kvinslando por amikeco, babilado kaj Esperanto lekcio. NI studis tradukadon de Tomo el Helena legendo pri "Orfeo kaj Euridicia ". *Petro Danzer* **BES Sekretario**

Sabate Linda kaj Petro distribuis invitojn en leterkestoj de loĝantoj en ESPERANTO STRATO, REDCLIFFE. Ili invitis la loĝantojn por baldaùa Zamenhof Festo. Kion vi faras, gesamideanoj?



# Pensoj dum mi sidas en mia ĝardeno.



1). Ĉu vi scias ke vi, aŭstralianoj, loĝas en ŝtato, en kiu juĝistoj rajtas puni krimulon por la krimoj de aliaj krimuloj? Mi ne sciis tion en 1957, kiam mi leĝe fariĝis aŭstraliano. Sed nun mi scias, kaj mi ne ŝatas tiun leĝan rajton. Ja de tempo al tempo juĝisto diras sian decidon, ke li donas ekstran punon krom la normala al krimulo, por timigi aliajn eventualajn krimulojn ne fari la saman krimon. Do tio signifas ke la unua krimulo ricevas ekstran punon ne por sia krimo sed por la eventuala krimo de alia krimulo. Ĉu "la leĝo estas azeno"? Aŭ ĉu la homoj kiuj permesas tian maljustecon estas azenoj? Kaj la politikistoj pensas ke ankaŭ ili havas tiun rajton, punante t. n. krimulojn eksterlandajn per ekstra torturado en Manus kaj Naŭru, por timigi eventualajn aliajn azilserĉantojn aŭ iliajn transportistojn.



M.L.

2). Mi sentas min iomete krimulo, kiam mi mortigas arbon. Ĉifoje mi ne mortigis, sed tamen vundegis, fortranĉante la dudekmetran trunkon ĝis nur du metrojn el de la tero, kie la diametro estas proksimume dudek centimetrojn. El la trunko jam elkreskis, antaŭ la dekonigo, pluraj novaj branĉoj, tiel ke la arbo ne havos unu tridekmetran trunkon sed plurajn flankbranĉojn. La arbo, ja kreskas tiom vasta, ke ĝia diametro estus tiom ke ĝi kovrus parton de mia grandega kverko pli ol cent jaraĝa. Mi ne povas permesi tion. Bonŝance mi antaŭ pluraj jaroj plantis saman arbon en loko sufiĉe granda por la arbo. Segi tian arbon estas iomete malfacila, ĉar inter la trunko kaj ĝia ŝelo troviĝas tavolo de blanka mola substanco kiu estas tiom gluema ke ĝi fiksiĝas sur la segilon dum la segado.



M.L.

3). Nun ke la Jes-voĉo por samseksemuloj gajnis, ankaŭ pro mi, mi devas konfesi ke mi forte kontraŭas tiun novan leĝon, same forte kiom mi kontraŭas la edziĝleĝon por la tradiciaj geedziĝoj. Mi opinias ke ĝi kaŭzas multajn murdojn kaj maltraktadojn en familioj inter edzo kaj edzino, kaj verŝajne ankaŭ inter edzo kaj sia edzo aŭ inter edzino kaj sia edzino. Mia kontraŭeca opinio baziĝas sur psiĥologiaj faktoj. Ĉar normale la geedziĝoj celas daŭri por la tuta vivo, leĝe kaj morale, la edzo kredas ke li "posedas" la edzinon por la tuta vivo, kaj ke ŝi tial ne rajtas fini la geedzecon, aŭ havi dume alian seksamikon. Tiu sento de eterna interposedo aŭtomate aperas, kaj estas tre forta, tiom forta ke la edzo sentas ke li rajtas puni, per mortigo aŭ alie, la edzinon se ŝi ne plu kredas en la eterna geedziĝo. La afero estus alia, se la geedziĝo estus nur por kvin jaroj, kaj renovigebla por pluaj kvin jaroj, ĉar tiukaze la edzo ne aŭtomate disvolvus la kredon ke li posedas ŝin eterne ĉar ja la kvin jaroj estus nur kunvivoprovo. Mi opinias ke multaj murdoj kaj mistraktoj ne okazus, kaj ke tiuj multegaj kiuj deziras pliajn kvin jarojn, aŭ la tutan vivon, tamen restus kune ĉar tio pli konvenus al ili.



Ne temas pri la eblo leĝe eksedziĝi, kiu ja ekzistas, sed pri la forigo de la ideo de tutviva posedado.

M.L.

4). **Respondo al amiko Peter Weide**. Verkante la artikoleton "Al la diablo la gramatiko!" mi kompreneble atendis fortan kritikon pri ke la lernejanoj perdus sian valoran tempon lerni la gramatikon de sia gepatra lingvo. Mi atendis tion, ĉar antaŭ duona jaro mi estus donanta la saman kritikon, eĉ kritikegon. Do mi trovas natura, ke Peter pensas ke en mia rezonado mi malpravis, ĉifoje. Nu, mi plu asertas ke por perfekte lerni sian lingvon la infanoj tute ne bezonas instruati pri la gramatiko. Ili lernis ĝin same perfekte en la tempo kiam skribado kaj legado ankoraŭ ne ekzistis. Kompreneble ili konscie aŭ subkonscie lernas gramatikajn regulojn mem, ĉiutempe, deduktante ilin el la ekzemploj donadataj de la ĉirkaŭuloj. Ĉiu homo



deduktas pri ĉio en la tuta vivo; do mi ankaŭ deduktas ke domo devas konstruati sur firma bazo, kvankam mi ne studis arĥitekturon. Cetere, lernante la anglan lingvon la infanoj devus lerni pli da esceptoj ol da reguloj pri la prononcado kaj pri la literumado. Sed estas diferenco inter lerni paroli lingvon kaj lerni literumi la vortojn. Do, nova generacio lernas sian parolatan lingvon, sen aŭ kun dedukti regulojn, aŭskultante kaj imitante, ĝis perfekteco, same kiel antaŭ la invento de skribo kaj lego. Sed por lerni fremdan lingvon, jes, iomete helpas lerni la gramatikajn regulojn de la dua lingvo, sed tamen ne bezonatas tiam scii la regulojn de sia propra lingvo. Kaj por lerni Esperanton estas eĉ pli tempoŝpara lerni ĝiajn regulojn, ĉar per tiuj reguloj ĉiu lernanto rekreas mem la lingvon. Sed eĉ tiam lerni la gramatikon de sia propra lingvo estas senutila kaj perdo da tempo, precipe ĉar tion oni lernas certograde subkonscie. Marcel. *Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 19an de Novembro kvin homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj instruis komencanton.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 20an de Novembro kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni diskutis kiel plibonigi la kunvenojn kaj celebris la naskiĝdatrevenon de Heather per kuko kaj kantado.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Sabaton 25an de Novembro je 19:00 **Kosto:** $10.00

Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

Dimanĉon 26an de Novembro je 15:00

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 27an de Novembro je 18:30

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 977 Instagram – 110

Facebook – 352 Telegram – 18

Twitter – 345 *Joanne Johns*



# “Malgrava historieto pri mia vivo” (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 4. Mi iras Anglujen (kvara ero)



La lokomotivo estis tre malnova. Ĝi estis vaporlokomotivo, kaj ĉar la tiutempaj vagonfenestroj anglaj ne estis hermetike fermeblaj, ni ĉiuj alvenis al Londono kun nigraj vizaĝoj, same kiel kiam oni vojaĝas en Germanujo kaj Francujo. Subite la vagonaro malrapidiĝis, ni estis en stacidomego. Ĝi haltis. Multaj homoj elfalis sur la

peronon. Ekkaptis min timo, ke eble tiu ĉi estas *Liverpool Street Station*, kaj ke nun mi estas en Londono, urbo tre granda kaj timiga por ordinara homo. Mi demandis iun kunvojaĝanton, "ĉu tiu ĉi estas *Liverpool* ?" kaj li respondis, ke ĝi estas *Liverpool Street Station*. Mi eliris. La stacidomo estis same nigra kiel niaj vizaĝoj. Fumo kovris ĉion.

Nun mi devis trovi vagonaron al *Enfield*. Mi vidis verŝajne pli ol 18 peronojn. Kiu el ili kondukas al *Enfield* ? Mi laŭiris la tutan stacidomon. Ĝi estis grandega. Multe pli grandega ol la ĉefstacidomo en Kopenhago. La du plej lastaj peronoj ambaŭ iris al *Enfield*. Mi do demandis iun laboriston, en mia ĵus lernita angla, kiun vagonaron mi prenu por iri al *Enfield*. Li rekomendis al mi unu el la du, mi ne plu memoras kiun. Mi memoras, ke mi ne aĉetis bileton, ĉar neniu memorigis min pri tio. Mi sidis en malplena kupeo, aristokrate same kiel la angloj el *Harwich*. Ĉi tiun fojon duaklasa. Ĝi estis lukse remburita, sed malpura. Montriĝis ke *Enfield* estas la plej lasta stacio de tiu linio. Mi do eliris tie. Kelkaj anglaj fervojistoj diris ion al mi, kaj mi reciprokis per rideto. Mi estis tute forgesinta pri la bileto, kiun mi ne havis.

Ekster la stacidomo mi haltis por orientiĝi. Mi sciis ke Bryan loĝas en n-ro 6 *Riverfront*. Do, ĉu mi ree demandu iun, aŭ ĉu mi en la lando de *Ŝerlock Holmes* mem provu trovi *Riverfront*. Jen iom seka rivero. Eble la strato nomiĝas *Riverfront*. Kaj jen, vere ĝi nomiĝas *Riverfront*. Mi baldaŭ estos hejme ! Necesas nur trovi n-ron 6. Mi laŭiris la straton ĝis subite iu kriegis. Mi rigardis samtempe ĉien, ĉar en fremda lando oni devas havi okulojn ankaŭ en la nuko. Tie el la unua etaĝo de domo elpendis la supra parto de la korpo de Bryan. Li salutis min svingante la brakojn, kaj demandis kial mi ne renkontis lin en *Hoek van Holland*. Kiel ĝentilulo mi ne volis stari sur la strato kriegante al iu, kiu elpendas el la fenestro, mi do sinjorece eniris lian ĝardenon, kaj lia patrino enlasis min en la domon. *Daŭrigota* *Bob Felby*



# Interesaj ??? sciadoj

• En la mondo, Aŭstralio estas inter la dek landoj detruantaj la pli grandan kvanton de arbaroj. En Aŭstralio, Kvinslando estas la plej kulpa.

.

En Aŭstralio la potenco preni la plej gravan decidon, la devontigo de la Aŭstralia Defenda Militistaro batali en internacia konflikto, ripozas kun la ekzekutivo - en praktiko, ofte kun la Ĉefministro sole.





Ne kun la parlamento. Roger Springer





# 3ZZZ



En la elsendo de la 20a de novembro 2017 vi ekscios kial troviĝas flavaj kaheloj sur la trotuaro apud krucvojoj kaj kune kun Guillaŭme Armide vi povas pripensi pri interŝanĝoj

Se vi aŭdas strangan bruon, tio ne signifas ke via komputilo ne bone funkcias : konsilanto de la radio mezuris la murojn apud la studio cele organizi laborojn tie, uzante bruan modernan ilon. informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



**La Esperanto-Federacio de Viktorio**

**invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"**

**6.30 ptm, Sabato la 16an de Decembro 2017**
**ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church"**
**110 Grey Street, East Melbourne.**

**Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj**

**Bonvolu alporti pladon**

**Ni esperas ke vi celebros kun ni.**

★★★★

